THE BRITISH ESPERANTIST

WITH WHICH IS INCORPORATED

INTERNATIONAL LANGUAGE

VOL. XXXII, NO. 409 MAY, 1939

# Ni Kuraĝe Mobiliziĝu

DE E. D. DURRANT

KIAJ estos la cirkonstancoj, kiam ĉi tiu numero atingos vin? Tion neniu povas profeti kun certeco. Sed ni ne perdu la esperon kaj kuraĝon, timante ke eĉ la plej malbonaj situacioj povos detrui nian laboron ĝisradike. Kontraŭe, ni memoru, ke post ĉiu vintro venas printempo kaj somero.

Rigardante tute objektive la progreson de nia afero dum la lastaj kelkaj jaroj, ni rajtas fieri kaj fidi. Sur granda proporcio de la tero libera agado por internaciaj aferoj estas aŭ malpermesata aŭ sub nigraj nuboj—sed malgraŭ ĉio nia movado faras progreson kaj ĝiaj pretendoj konstante ricevas pliajn agnoskojn.

## Du Devoj

Antaŭ la nunaj minacoj estas du gravaj devoj, kiujn ni en la demokrataj landoj precipe devas plenumi. Ni devas daŭrigi nian por-Esperantan laboron en ĉiaj eblaj cirkonstancoj kun neŝancelebla kredo. Kaj se venos milito? Same daŭrigu laŭeble, kaj precipe penu konservi nian britan movadon tiel, ke ni povu tuj denove agadi post la militfino. Ni konstante tenu en niaj koroj la celojn, por kiuj ni luktas, kaj la fidon, ke fine ĝi venkos. El la multaj leteroj, kiujn mi ricevas de agemaj gesamideanoj, mi scias, ke tiu fido estas sur bona bazo, ĉar spite ĉion ili ĉiuj agadas optimiste por nia movado. La malfaciloj, sub kiuj laboras niaj samideanoj en pluraj landoj, kaj rompoj de kontakto, ne forprenas la esperon el la britaj Esperantistoj. Kaj memoru, ke en pluraj aliaj landoj oni simile laboras.

## Se Venos Milito

Post la Mondmilito forpasis kelkaj valoraj jaroj antaŭ ol nia movado reformiĝis—tian tempoperdon ni evitu alian fojon!

En Francujo oni agis tre saĝe okaze de la krizo de München. Oni aranĝis tiel, ke la aktiva laboro de ĉiuj federacioj kaj kluboj povu esti prizorgata de anstataŭonto—precipe samideaninoj—se milito eksplodos. La celo estis certigi, ke la organizo kaj kontakto inter la membraro estu laŭeble vivtenataj, por ke oni povu religi la fadenojn post la milito kaj tuj denove klopodi por Esperanto laŭ vasta skalo.

Estus tre bone, se ĉiu grupo kaj federacio en Britujo farus same jam nun. Necesas, ke duplikata listo de la klubmembraro estu preparita kaj transdonita al iu kompetenta ano aŭ anino, kiu antaŭvideble restos "surloke". Ankaŭ konciza raporto aŭ informaro pri iaj specialaj lokaj cirkonstancoj, nomoj de personoj favoraj al nia lingvo, kaj tiel plu, estu preparita. Se malfeliĉe venos nigraj tagoj, tiuj anstataŭont(in)oj fervore faru ĉion por konservi la interligon inter la lokaj gesamideanoj.

## "Espiotismo"

Dum nacioj prepare mobiliziĝas ni simile faru en nia pacmilito. Same kiel regas en nacioj spirito nomata "patriotismo", ĉe ni regas komuna spirito kiun oni povus analogie nomi "espiotismo". Por multaj ĝi estos la "interna ideo", por aliaj la sento de Esperantista solidareco formuliĝas sub diversaj sed parencaj pensoj. Sed, kiaj ajn la pensoj, estas ia firma cemento de kunligo inter Esperantistoj, kaj eble tiu vorto "espiotismo" povus bone servi por difini tion.

Ĉiam pli multe la mondo bezonas la servon de komuna lingvo. Iam, espereble pli frue ol ni kuraĝas esperi, la mondo denove vidos pli helajn tagojn, kaj tiam nia movado nature floros. Intertempe, laŭ la vortoj de D-ro Zamenhof,

> Tra densa mallumo briletas la celo,
> Al kiu kuraĝe ni iras.
>
> . . . . . . . .
>
> Nur rekte, kuraĝe kaj ne flankiĝante
> Ni iru la vojon celitan!

# ŜTOPU LA BREĈON

En la lasta numero de THE B.E., oni raportis, ke Ĉeĥo-Slovakujo estas nun verŝajne unu el tiuj teritorioj, en kiuj oni malfavoras Esperanton. Ni jam kutimiĝas legi tiajn raportojn, ĉar antaŭ relative mallonga periodo estis ankaŭ Aŭstrujo kaj Germanujo.

La perdo de ĉi tiuj landoj ne nur kripligas —kaj mortigas—la tiean enlandan movadon, sed ankaŭ kripligas, kaj efektive minacas, la internacian movadon, pro la severa malaltigo de enspezoj en la formo de membrokotizoj. La jena tabelo klare montras la gravecon de tiuj perdoj :—

| Lando. | Asociaj Membroj. | Individuaj Membroj. | Sumo. |
|---|---|---|---|
| Aŭstrujo, 1937 (IEL) .. | 175 | 81 | 256 |
| Ĉeĥoslovakujo, 1937 (IEL) | 800 | 208 | 1,008 |
| Germanujo, 1935 (UEA) | 570 | 502 | 1,072 |
| Entute .. | 1,545 | 791 | 2,336 |

La Internacia Esperanto-Ligo kaj la Brita Esperantista Asocio devas, laŭ la respektivaj Statutoj, esti neŭtralaj rilate la politikon. Tamen, kion ajn oni opinias pri ĝi, la fakto estas, ke antaŭe 2,336 Esperantistoj pagis kotizojn al internacia asocio kaj tiel enspezigis tre gravan sumon. Sen tiuj membro-kotizoj la daŭra vivo de nia IEL estas kaj estos ege malfacila.

Ni volas prezenti ĉi tiujn faktojn al la serioza atento de ĉiu Esperantisto en Britujo, ĉar nia lando estas unu el la tielnomataj demokrataj landoj, de kiuj nun dependas ne nur la estonta agado de IEL, sed eble ankaŭ eĉ la estonteco de Esperanto mem. El la 1949 membroj, kiujn BEA havis je la fino de la pasinta jaro, malpli ol triono estis Individuaj Membroj de IEL. Se plua triono aliĝos kiel Individuaj Membroj, kaj se kelkaj el la nunaj bonvolos aliĝi en pli alta kategorio (vidu apude), IEL sukcesos daŭrigi sian tre utilan vivon kaj plene kontraŭstari la efikon de la lastatempaj politikaj okazintaĵoj.

En la nuna kriza tempo Esperanto estas forte bezonata. Ĝi ebligas al la popoloj individue interamikiĝi kaj fidi unu la alian. Ĉu vi, per aliĝo al IEL kiel Individua Membro, per aliĝo en pli alta kategorio, aŭ per donacoj, helpos certigi la daŭran kaj sukcesplenan vivon de IEL kaj la pluan disvastigon de Esperanto?

BERNARD LONG, *Komitatano de IEL.*
ARTHUR C. OLIVER, *Estrarano de IEL.*
FRED WADHAM, *Ĉefdelegito de IEL en Britujo.*

# 5th National Camping and Open Air Exhibition

Royal Agricultural Hall,

24th March–1st April 1939

## THE B.E.A. STAND




THAT the Camping Club of Great Britain and Ireland is doing good work in arranging annual exhibitions, devoted to the needs (and luxuries) of the growing body of people who seek recreation in the many and varied pastimes of the "open air" is proved by the fact that after four successful shows at the Imperial Institute it was considered desirable to hold this year's show at the Royal Agricultural Hall to ensure adequate accommodation for the increasing number of exhibitors and visitors. Among ardent campers, cyclists, canoeists and the like are many whose interests take them abroad, and we were very grateful when a generous friend made it possible for us to take a stand and so spread the good news of Esperanto among these folk.

In case the reader should imagine our stand among caravans, tents or mountaineering kit, it should be mentioned that it was in the Entrance Hall which was reserved for organisations, and among our "neighbours" were (to name but a few) Cyclists' Touring Club, International Youth Tours, Ltd., Ramblers' Association and Youth Hostels Association.

Our stand attracted much interest, and one was impressed by the readiness of most enquirers to learn more about Esperanto, while some were eager to start learning. An interesting fact was the number of young visitors who had heard of Esperanto from "a gentleman with a beard who lectured at my school". Over one hundred and twenty names and addresses were taken of enquirers desiring to attend a demonstration lesson arranged by the London Esperanto Club.

A good range of books was on show, and although sales were, naturally, almost entirely confined to beginners' textbooks, these amounted to seven pounds. We have since received a number of enquiries, personally and by post, from people who noticed our stand.

The Exhibition was open for nine days and, as during the "rush" periods four people were required to deal with the enquiries, a big staff of volunteers was necessary and our thanks are due to the forty-four members from London and District who ably helped on the stand and in other ways. Thanks, too, to the Cheltenham Group, who artistically arranged the exhibition material which formed the background of the stand, and to Metro-Goldwyn-Mayer Ltd., who provided an artistic announcement of the film *Idiot's Delight*.

Our exhibit was well "written up" in the 80-page Official Catalogue. A limited number of copies is available and one will be sent on receipt of threepence in stamps.

R. B. W.

---

## 34th Scottish Esperanto Congress

**EDINBURGH, May 19–22**

Enrolment forms, with programme and full details, may be obtained from Mr. Geo. W. Hare, 96 Dalkeith Road, Edinburgh.

# 31st UNIVERSAL ESPERANTO CONGRESS IN BERN

**JULY 29th to AUGUST 5th, 1939.**

# PROGRAMME *of* EXCURSIONS

| | | s. d. |
|---|---|---|
| *SUNDAY, JULY 30—* | | |
| 1. | **TRIP TO THE GURTEN**—Famous view-point near Bern (by tram and funicular railway) .. .. .. .. .. .. .. | 1 6 |
| *MONDAY, JULY 31—* | | |
| 2. | **CITY TOUR OF BERN** and its curiosities (by motor coach) .. .. | 3 6 |
| *WEDNESDAY, AUGUST 2—* | | |
| 3. | **EXCURSION TO THE JUNGFRAUJOCH** by rail *via* Thun—Interlaken—Lauterbrunnen—Wengernalp and Kleine Scheidegg. Ascension of the Jungfrau by the most elevated railway in Europe (11,340 feet). Whole-day excursion Luncheon may be had at the Jungfrauljoch-Restaurant at the price of 4s. 6d. | 1 18 0 |
| *THURSDAY, AUGUST 3—* | | |
| 4. | **TOUR OF THE LAKE OF THUN**—(Cancelled). | |
| 5. | **EXCURSION TO THE BLUE LAKE**—A romantic trip by the "Blue Arrow" train of the Loetschberg line, through the Kander Valley *via* Kandersteg .. | 7 6 |
| 6. | **EXCURSION TO "SCHWARZSEE" (BLACK LAKE)** by motor coach *via* Gurnigel Spa. Grand views of the Alps; passing along at the foot of the Stockhorn; descent to Schwarzsee" (Black Lake) and return *via* Fribourg .. | 7 6 |
| *FRIDAY, AUGUST 4—* | | |
| 7. | **EXCURSION OVER THE COL DE PILLON TO MONTREUX** and the celebrated Chillon Castle (Scene of Byron's "Prisoner of Chillon"); return *via* Fribourg. Whole-day excursion by postal coach .. .. .. .. .. | 13 0 |
| 8. | **EXCURSION OVER THE JAUN PASS,** to the picturesque Gruyere country; return *via* Fribourg. Whole-day trip by postal coach .. .. .. | 9 0 |
| 9. | **EXCURSION TO MOUNT CHASSERAL**—(Cancelled). | |
| 10. | **SCHALLENBERG TOUR**—(Cancelled). | |
| 11. | **ASCENT OF MOUNT NIESEN**—One of the most captivating trips by mount railway up to 7764 feet above sea. Incomparable panorama. Whole-day trip | 9 0 |
| 12. | **GRAND ALPINE TOUR** by train and postal car. Incontestably the most eventful of whole-day excursions along the lakes of the Berner Oberland, by Alpine routes of imposing construction, to the Glaciers of the Rhône, the Schöllenen gorges, along Lake of Luzern and returning through the Emmental. This excursion is included in the seven-day circular tour mentioned below .. | 1 3 0 |

Bookings for these excursions are accepted by us only from members of our Travel Parties A and B, for particulars of which see second page of cover.

Payment for excursions should accompany booking.

All quotations are based on current rate of exchange, and subject to alteration.

---

## A SEVEN-DAY CIRCULAR TOUR IN SWITZERLAND

*For details of this attractive tour see special notice on page 70*

---

## THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION (Inc.)

**142 HIGH HOLBORN, LONDON, W.C.1**

# News Flashes from the 30th British Esperanto Congress

## WESTON-SUPER-MARE—WHITSUN 1939

*The following snap messages have passed between members of the Executive Committee:*

. . . . two camping grounds in good condition . . . . sites well drained and convenient . . . . catering arrangements completed . . . .

. . . . final arrangements for Congress Ball . . . . Winter Gardens Orchestra submits programme for approval . . . .

. . . . congress rehearsals going well in Bristol . . . . musical scores just completed for Esperanto Revue . . . .

. . . . final route decided for Mendip excursion . . . . lunch menu approved . . .

. . . . stage technicians visit congress theatre for final lighting and scenic survey . . . . first scenic drawings prepared . . . .

. . . . motorists, cyclists and walkers asked to fly Esperanto pennants . . . . Boat excursions during congress to Channel ports . . . .

. . . . Sunday Diservo at 3.15 p.m. . . . soloist late Durham Cathedral . . . .

. . . . Reading-room and Lounge retained at the "Olive Branch" for convenience of congress members . . . . fine exhibition in Town Hall foyer . . . .

. . . . Weston-super-Mare shops to display green stars denoting congress support . . . .

. . . . new congress "Good Night" song *Ĝis la Reveno* declared a winner . . . . everybody will be singing it . . . . "Dum Vestona Promenad'" a close second . . . .

. . . . Mayor invites Esperantists to reception at Winter Gardens . . . .

. . . . visitors asked to bring fancy or national costumes for Congress Ball . . . . Esperanto dresses specially invited . . . .

. . . . 800 sheets of MS. already typed and duplicated by Director of Entertainment's staff . . . . lighting, scenery, and property plots ready for first dress rehearsals . . . . final band-parts in preparation . . . .

. . . . search for golden microphone voice during Interkonatiĝa Vespero . . . Congress Lunch at the Beach Hotel . . . continental guests expected . . . .

. . . . speakers secured for public "Esperanto and World Peace" meeting at Town Hall . . . .

. . . . visit to famous Wookey Hole caves included in Whit-Monday excursion . . . .

. . . . Esperanto overture written for orchestra . . . . rumours of a surprise "Shakespeare" appearance in the Revue . . . .

. . . . accommodation list well under way . . . . heavy bookings for Bed-and-Breakfast but good reservations still available . . . .

. . . . unexpected hitch with an American copyright for the musical revue . . . . letter to California . . . . reply expected hourly . . . .

. . . . arrangements with Harbour Master for tide to be in during congress . . . .

. . . . Bristol tenor frantically mastering Esperanto in time for musical revue . . . .

. . . . Producer Buckley demands white doves for final tableau of congress show . . . .

. . . . members' badge design approved and tender accepted . . . .

. . . . popular local leader for Mendip rambling parties . . . .

. . . . Federation Secretary moves 40 miles away to another district . . . . new transport and communication arrangements . . . .

. . . . final advice to Congress members . . . Send in application forms immediately . . . . . . . . . make certain of good accommodation by early booking . . . . don't forget to bring a fancy costume for Congress Ball . . . . . . . . . bring cameras and songbooks . . . .

. . . . have the time of your life in one of England's fairest watering places, at the biggest British Esperanto Congress since 1914, by accepting our invitation to

**COME TO WESTON-SUPER-MARE!**

---

### NATIONAL SERVICE and the WESTON-SUPER-MARE CONGRESS

It has been mentioned that much of the energy and initiative displayed in the organising arrangements for the 30th British Esperanto Congress at Weston-super-Mare could well have been used in other fields

# BERN CONGRESS

## Grand Post-Congress Tour

**SEVEN-DAY CIRCULAR TOUR leaving Bern 8.45 a.m. Sunday August 6th 1939 and returning to Bern on the evening of Saturday 12th August.**

## PROGRAMME

SUNDAY (Aug. 6): Leave Bern 8.45 a.m.—Interlaken—Meiringen—Grimsel Pass—Gletsch—Rhône Glacier—Furka Pass—Andermatt. MONDAY: Andermatt—Göschenen—Lugano. TUESDAY: By motor-coach to St. Moritz (Engadin). WEDNESDAY: St. Moritz—Grüm Alp—Samaden—Zuoz. THURSDAY: Zuoz—Süs—Flüela Pass—Davos. FRIDAY: Davos—Landquart—Linthal—Klausen Pass—Flüelen by the Lake of Four Cantons. SATURDAY: Flüelen—Lucerne (by lake-steamer)—Bern, or: Flüelen—Brunnen—Zürich (visit to the National Exhibition)—Bern.

The party will travel by rail (3rd class), lake-steamer (2nd class) and motor-coaches. The arrangements include all travel; accommodation in good hotels for six nights; all meals and tips; and the cost of this splendid tour is £**8. 15s. 0d.**

**IMPORTANT NOTE.**—As the tour commences on Sunday morning, and the *Congress* arrangements finish on the Saturday, it will be seen that those congress-members who take part in this tour will need accommodation in their hotel for the night of Saturday, 5th August. You are advised to book (in the same category as your congress-party booking) when enrolling for tour, as follows: Luxury hotel: 15/-; 1st class: 12/6; 2nd class: 10/6; 3rd class: 9/6.

**B.E.A. will not accept bookings for this tour after 15th July.**

All quotations are based on current rate of exchange, and subject to alteration.

**THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION (Inc.), 142, High Holborn, London, W.C.1.**

such as, for instance, that of National Service.

While many members have taken a part in this undoubtedly important work, several of those responsible for congress arrangements feel they have a greater first obligation—that of community service.

Although these are troubled days, they wish to prove that in spite of any world crisis the Congress will go forward as a symbol of the stability and solidarity of Esperanto in times of stress.

Preparations are more elaborate than ever before and they earnestly appeal to every Esperantist in Britain, by their presence at Whitsun, to support this vital undertaking that, at a time when all eyes are turned towards our country, will have an enormously far reaching effect on the morale of the Esperanto Movement throughout the World.

F. B.

**During the whole of the Congress** a Special Observer will take notes of good points of style overhead in informal Esperanto conversation. The names of Good Stylists will be announced and prizes presented.

**Look out for Vilĉjo la Spionisto !!**

Speak in Esperanto and secure your prize !!

**BULLETIN No. 8**

**Membership.**—The charge for Congress Tickets is now 5/- for adults and 1/6 for young people under 18. Membership Forms gladly sent on request.

**Programme.**—In addition to the provisional Programme given in THE B.E. for February, meetings will take place as follows:—

*Sat., May 27th, 6 p.m.*—Meeting of Esperantist Total Abstainers, to form League to promote use of Esperanto amongst Temperance Societies, etc. Convener: John Turnbull, M.I.H. Full details in Congress Book.

*Tuesday, May 30th, 7.30 p.m.*—Sigismundo Pragano will lecture on Rumania at 28, The Boulevard.

The Committee are arranging for the use of a room, in which members may meet, during the remainder of Whitweek after the Congress officially closes. Details in Congress Book.

**Lodgings.**—URGENT! BOOKINGS MUST BE SENT IMMEDIATELY.

**Donations and Guarantee Funds.**—Assistance to either will be gratefully received.

**Official Address** for all Congress matters is:—Lionel H. May, 28, The Boulevard, Weston-super-Mare.

**TEMPO FLUGAS!**
**ALIĜU SENPROKRASTE**

# The Esperanto Student

## SILENTA HORO

En plena, profunda silento ili sidis.

Tonio, junulo belforma, kun pensema aspekto, kaj lia patrino, mezaĝa, ankoraŭ bela virino, ripozis en la lumo de la fajra brilo. En la ĉambro estis bele varme, sed ekster la domo frosta blanka neĝo, senmakula kaj hela, kovris la teron. La arboj kaj kampoj aspektis fantomaj en tiu kvieta, blanka vesto.

Tonio sidis en komforta seĝo kaj legis. Romanon li legis, de iu fama, klasika aŭtoro. Eĉ kiam li turnis la paĝojn, liaj okuloj ne vagis for de la libro—krom kiam li finis unu ĉapitron. Tiam li rigardis al la patrino.

Ŝi, kun dolĉa rideto en la mildaj okuloj, vidis nur la varman ardon de la fajro. Ŝi estis for, for, en la malproksimaj tempoj de rememoro. Ŝi revis pri fruaĝaj plezuroj, pri knabinaj ĝojoj.

Kia feliĉo estas por la homoj la posedo de memorpovo! Per la memoro ni povas travivi denove la karajn horojn de feliĉo jam ne ebla al ni. Ni povas denove havi la ĝojon, kiun amikoj kaj parencoj donis al ni en aliaj tempoj.

Ili sidis en la senbrua vespera silento, paca horo, silento, trankvilo. Neniu venis por rompi la sorĉan ĉarmon.

Cindro falis. La sono vekis la patrinon el ŝiaj belaj revoj. Kun profunda spiro ŝi dankis al Dio pro la trankvilaj horoj de vespera silento.

## LERNU FRAZOJN, NE NUR VORTOJN

Continuing last month's special point about translating *meanings* and not merely *words*, I am giving this month a few more examples of a different kind.

We have in every language a number of very common phrases, the meaning of which we learn as a solid whole without reference to the meanings of each word separately, *e.g.*, "If I were you I'd . . . ", "Whatever in the world . . . ?", "I can't help it", "It doesn't matter", "ever such a big . . . ", "as broad as long", and thousands of others. Similarly we have catch phrases which sound "slick" and are copied, and so they come into general use.

We have a number of similar phrases in Esperanto which you should look for and learn off by heart, because they represent common thoughts in a simple manner.

You have probably learnt *Kiel eble plej baldaŭ* for "as soon as possible", *Kioma horo estas ?* for "What time is it ?", *Kaj tiel plu* for "and so on". Here are a few more which are less frequent but which must be called into mind without hesitation.

| | |
|---|---|
| as soon as | **tuj kiam** |
| neither do I | **ankaŭ mi ne** |
| to hold (a dance, etc.) | **okazigi** |
| upside down | **kap-al-piede, renversite** |
| can't help doing | **ne povas ne fari** |
| vice versa | **inverse, male** |
| get rid of | **forigi, seniĝi de** |
| not necessarily | **ne nepre** |
| what else | **kio alia** |
| doesn't matter much | **ne multe gravas** |

There are scores of other similar phrases which are quite common and which you must look out for. Note them when you hear them or meet them in books. They are an important part of your speech and form a great part of ordinary conversation.

## POR PROGRESINTOJ

ELEGANTAN TRADUKON, mi petas.

Jen por la progresintoj estas nesimpla frazo, kiun oni povas provi traduki simple, klare kaj korekte. Se mi ricevos de iu leganto bonan tradukon, mi ĝin publikigos en iu sekvonta numero. Memoru — simpla, klara, kaj korekta traduko.

*Lured by those eyes, led on the leading-string of his own passion and folly, utterly lovesick, he stole upon the footsteps of his unseemly hope—and at the end found himself cheated.*

Ĉi tiu frazo ne estas nur sentimentaĉo, sed troviĝas en unu el miaj preferataj libroj, libro de bela angla lingvo, en mirinda stilo. Do faru ĝin bone, mi petas.

---

Mi ricevis dek unu tre interesajn respondojn al mia peto pri "eleganta traduko" en la aprila numero. Kvankam ne perfekta laŭ mia opinio, mi pensas, ke la traduko de s-ro H. C. Hancock, Swansea, estas la plej bona, kiun mi ricevis. Jen ĝi :

*Se mi ne estus sciinta, ke vi intencas ne iri al la teatro, mi ne estus petinta al Johano, ke li ne iru, kaj ke li helpu al mi elpurigi la malantaŭajn ĉambrojn antaŭ ol tro malfruiĝos kaj Kristnasko tro alproksimiĝos.*

# Our Bookshelf

**Books starred are stocked by the B.E.A. Others should be ordered not from the B.E.A. but from the address given. Postage extra.**

***Patroj kaj Filoj.**—*I. S. Turgenev. El la rusa tradukis D-ro K. Bein (Kabe).* 215 *pp., bind.* 5*ŝ.* 6*p., broŝ.* 3*ŝ.* 6*p.*

Jen fama verko el la rusa literaturo, Esperante eldonita en 1909, sed jam longe elĉerpita. Ĝi estas la unua volumo el nova romanserio eldonota de SAT kaj FLE, kiu provizos literaturon samtempe interesan kaj (laŭ tendenco de la eldonejo) instruan.

En la januara "B.E." mi esperis, ke la ideo korekti kaj eĉ tute reverki klasikajn verkojn ĉe represo, ne fariĝos modo. Legante, do, ke la nunan verkon lingve kontrolis kaj korektis komitato de la Federacio de Laboristaj Esperantistoj en Nederlando, mi ĝin malfermis kun iom da timo. Oni tamen ne havas tro da kaŭzo plendi ; la korektoj faritaj estas honeste notitaj, kaj rilatas nur okazajn detaletojn (oni povas kompari tutan paĝon, kaj trovi nenian ŝanĝon) : esence la traduko restas sama, kaj la korektoj estas preskaŭ senescepte plibonigoj (mi tamen bedaŭras la forigon de majuskloj, kaj la anstataŭigon de kelkaj *de* per malpli ĝusta *per*). Oni konservis la ĝustan uzon de *ami* kaj *ŝati*, kaj ĝoje mi notis, ke oni ne tuŝis la landnomon *Rusujo*.

Komparante la nunan eldonon kun la unua, oni tuj rimarkas, ke la nombro da paĝoj kaj la interlinia spaco pligrandiĝis ; la preso ĝenerale estas pli bela kaj pli klara. Tiurilate mi deziras atentigi pri la litero "j", kiu ĉe kelkaj presejoj estas malagrable longa kaj dika, sed en la nuna volumo (kaj aliaj el sama eldonejo) estas rimarkinde bela : ĉu desegnita por nia lingvo ? Mi volus, ke aliaj presistoj akiru similan.

Senutile estus priskribi verkon tiel fame konatan. Oni nur povas danki la eldonejon pro ĝia represo, kaj forte rekomendi la libron : ĝi estas prigratulinda komenco de serio, kiu (se la postaj volumoj estos egale bonaj) estos grava aldono al nia literaturo.

M. C. B.

***La Hispana Tragedio.**—*Jef Last. El la nederlanda lingvo tradukis G. J. Degenkamp. Ilustrita de la aŭtoro. Eldonis Sennacieca Asocio Tutmonda, Parizo.* 188 *pp. broŝ.* 3*ŝ.* 6*p.* ; *bind.* 5*ŝ.* 6*p.*

El la plumo de nederlanda verkisto politike maldekstra venis ĉi tiu libro pri la sekvoj de la militista ribelo en 1936 kontraŭ la hispana respublika registaro. La aŭtoro venis en Hispanujon en oktobro 1936, kaj batalis en la respublika armeo ĝis novembro 1937 ; unue en hispana kompanio, poste kiel kapitano de la Internacia Brigado. En la verko oni trovas liajn impresojn pri la milito, ĝiaj kaŭzoj kaj sekvoj, kaj krome kelkajn poemojn glorantajn la hispanan junularon.

En la nuna tempo malĝojega por la hispana nacio estus nedece trakti la verkon kiel nuran literaturaĵon ; ĉar ĝia historia graveco multe superas ĝian literaturan meriton. Jef Last konstruas por ni bildon pri diversaj aspektoj de la konflikto en la formo, en kiu ili prezentis sin al li, "soldato en la fronttranĉeoj". Estas tamen tre evidente, ke li ne estis tipa respublika soldato ; ŝajnas, ke la pli multaj el la hispanoj estis analfabetaj, kontraŭmilitaj, sen klaraj politikaj celoj.

Jen kelkaj el la plej fortaj impresoj, kiuj restas en la menso, post kiam oni formetis la libron :—

La politikaj intrigoj inter la anarkiistoj, la komunistoj, la marksistoj, kaj aliaj partioj, kiuj—ĉiu kun malsama fina celo—subtenis la registaron ; la manko de spertaj militistoj inter la soldatoj ; la fervora klopodado doni al la infanoj kulturan edukon kaj forigi la analfabetecon el la armeo ; la konvinko de la hispanoj, ke ili batalas por la tuta Eŭropa demokratio ; kaj ilia indigno pro la manko de aktiva helpo iliaflanke ; la tago en kiu la virinoj de Madrid repelis al la batalfronto la soldatojn forkurintajn antaŭ la malamikoj.

ALEC VENTURE.

